n-ro 17
1994-3
oktobro 1994

# Esperanto en Azio

**Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio**



**eldonanto:** Prof. d-ro SO Gilsu / ROK 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413

**redaktejo:** ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

***enhavo***

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

*Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

## •*Salutas la eldonanto*

***Karaj legantoj!***

UK en Seulo estis vere azieca. El 1776 partoprenantoj pli ol 1200 (67.6%) azianoj aliĝis al UK, kio estas vere rekordo en la historio de UK. El la azianoj plejparto estis japanoj, koreoj kaj ĉinoj. Ni vidu la nombrojn de aliĝintoj: Japanujo (513), Koreujo (390), Ĉinujo (243), Rusio (24), Israelo (10), Nepalo (10), Vjetnamio (10), Mongolio (5), Singapuro (5), Bharato (4), Honkongo (4), Pakistano (3), Filipinoj (1), Kamboĝo (1), Srilanko (1), Uzbekio (1). Bedaŭrinde el ĉinaj aliĝintoj nur 87 anoj ricevis vizon (sed korea ambasadoro diras, ke la nombro estas la plej giganta el Ĉinujo por unu internacia okazaĵo en Koreio), kaj relative multaj el Nepalo kaj Vjetnamio; unuafoje en la historio de UK anoj el Mongolio kaj Kamboĝo partoprenis.

Ne nur aliĝintoj, sed ankaŭ programeroj estis tre aziecaj: Kongresan temon gvidis 5 azianoj, 5 el UK-prelegantoj estis azianoj, esperantologia konferenco estis gvidata de azianoj ktp. ktp. Krome mi ne devas forgesi mencii la novan etoson de azia agado, ĉar en la kunsido ni elektis 5 komitatanojn de azia agado, kaj decidis okazigi Azian Kongreson, kiun traktos la komitato.

Notindas ankaŭ la rezulto de Azia Karavano al UK, kvankam la karavananoj konsistis el nur 9; ili travivis tre riĉan itineron, kaj studis multon pri nia movado kaj aliaj.

Mi tre bedaŭras pro tio, ke multaj ne povis efektive partopreni en UK pro diversaj

kialoj, kaj esperas, ke ni baldaŭ havos Azian Kongreson, en kiu azianoj facile povus partopreni. Mi ankaŭ dankas multajn samideanojn en Ĉinujo, Japanujo kaj Koreujo, kiuj sindone helpis Azian Karavanon.

*la eldonanto SO Gilsu*

# 1. Projektoj

## 1.1 Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

La projekto celas aligi aziajn aktivulojn en nepagipovaj landoj al UEA, por ke ili havu sufiĉan konon pri Esperanto-movado per la gazeto "esperanto" kaj la jarlibro de UEA kaj agu pli efike surbaze de la kono. Reale 50 en 1991, 62 en 1992, 73 en 1993 kaj 86 en 1994 aliĝis al UEA per la helpo de kontribuantoj en Japanujo.

Nun ni akceptas kandidatojn por 1995. Se vi volas aliĝi al UEA, sendu al SO Gilsu jenajn skribojn kompletajn:

1. Konciza sinprezento
2. Kiel mi aktivis por nia movado en 1994?
3. Kiel mi bonigis la movadon en mia regiono?

Atenton! Nepre sendu kompletajn skribojn. Ankaŭ tiuj, kiuj aliĝis ĉi-jare, devas sendi. Se ne, via membreco ne daŭros en 1995.

## 1.2 Projekto Ĉ-1: Azia Karavano al la UK en Seulo

### 1.2.1 Konciza raporto pri la preparlaboro de Azia Karavano al la UK

*SO Gilsu*

1. En la fino de marto karavananoj estis findeciditaj dum la estrara kunsido de UEA en Roterdamo.
2. En la mezo de aprilo mi sendis leteron kun itinero kaj kelkaj rimarkoj kaj invitilojn subskribitajn de la prezidanto de LKK, direktoro de UEA kaj mi.

   la membroj de la karavano:

   1. Mukunda Raj Pathik el Nepalo
   2. NGO Chan Ly el Vjetnamio
   3. S. S. Pradhan el Bharato
   4. Chhim Sokha el Kamboĝo
   5. Balduuzin Dorĝ el Mongolio
   6. Ĉ. Dogsuren el Mongolio

7. Ŝ. Jansanĝav el Mongolio
8. Ĉ. Badraĉ el Mongolio
9. WANG Peiyan el Ĉinujo
10. LIU Xiaojun el Ĉinujo
11. YU Dequan el Ĉinujo
12. ZHANG Fude el Ĉinujo
13. U. Zeiter Perera el Srilanko
14. Ata Mohammad el Pakistano
15. Gafur Mirzabajev el Uzbekio
16. Vladmir Jurjeviĉ Minin el Rusio
17. Teng S. UBAN el Filipinoj

3. En la 6a de majo mi sendis duan leteron kun nova pli detaligita itinero kaj pliaj informoj.
4. En la 7a mi eldonis Unuan Informilon, en kiu mi publikigis 11 personojn, kiuj iros al Japanujo.
5. En junio mi eldonis Duan Informilon, en kiu mi jam publikigis la reagojn de la 11 membroj. La nombro de la membraro reduktiĝis al 16 pro la forpaso de mongola samideano, s-ro Badraĉ. Sekve ĝis tiam ankoraŭ mankis la reagoj de Dorĝ el Mongolio (poste mi aŭdis, ke li skribis al KEA), Ata Mohammad el Pakistano, Teng Uban el Filipinoj, Gafur Mirzabajev el Uzbekio kaj Vladimir Jurjeviĉ el Rusio.
6. En la fino de junio Ata Mohammad el Pakistano skribis, ke li renkontis akcidenton, kaj ne povas vojaĝi.
7. Uban el Filipinoj skribis, sed lia vojaĝo ne efektiviĝis pro la manko de rimedo por rapida komunikado.
8. En la 23a de junio mi vizitis Ĉinujon, kaj petis s-ron Song Jing-quan aĉeti ŝipbileton de Tianjin al Inchon por 8 karavananoj el Ĉinujo, Mongolio kaj Rusio.
9. Mi plurfoje telefonis al Gafur en Uzbekio, sed vane, kaj mi vokis aliajn samideanojn, kaj eksciis, ke li estas preta veni al Seulo, kaj fakte li aĉetis tre malmultekostan bileton de ĉarta flugo inter Uzbekio kaj Koreujo. Lia reago pere de letero kaj telefakso, pri kio li mem certigis dum sia restado en Seulo, ankoraŭ ne atingis min.
10. El Minin en Tomsk, Siberio, venis nenia informo ĝis la lasta momento. Lia ŝipbileto tamen atendis lin ĉe la mano de ĉina samideano, s-ro Wei Shan, kiu atendis lin por gastigi. Mi mem atendis en Pekino ĝis la 20a de julio, sed nenia informo, kaj 21a ni malmendis la bileton. Kaj mi aŭdis, ke ĈEL ricevis telefonon de li en la 20a tago, ke li nun veturas per trajno al Pekino. Li mem aranĝis flugon helpe de ĉina samideano, sed li maltrafis solenan inaŭguron. (Li sukcesis atingi la kongresejon malfrue vespere de la 28a de julio.) Lia letero sendita en majo atingis min, kiam li estis vojaĝanta en koreaj urboj post UK kaj ILEI-Konferenco.

11. Lastamomente, kiam mi telefonis al Dogsuren por demandi pri la loĝebleco en Pekino, li informis min, ke Dorĝ perdis pasporton kaj ke Jansanĝav ne povos ekiri pro serioza malsaniĝo de la edzino. Mi malmendis la biletojn de ŝipo.

12. Kun ĉina samideano, Wang, mi ne povis interkomunikiĝi pro manko de telefono. Fine li ne povis veni. Kiam mi telefonis al Zhang Fude, li jam malsukcesis ricevi vizon el la korea ambasadorejo. Mi tuj telefonis al la ambasadorejo kaj diris, ke s-ro Zhang estas aparta kazo, kaj la konsulo promesis retrakti, sed Zhang ne povis iri al Pekino pro la manko de tempo, ĉar li loĝis tro malproksime. Mi bedaŭras, ke ambaŭ ne povis veni.

*Fine alvenis 9 membroj de la karavano. Kiel ili fartis dum la UK?*

(aldoniĝis Hamaeh Shafiee el Irano, kaj Razen el Nepalo nur dum la restado en Koreujo)

1. Dum la UK kaj ILEI-Konferenco ni ankoraŭ havis multajn laborojn.
2. Unua problemo estis la vizo al Japanujo. Japanaj samideanoj jam aranĝis riĉan tagordon por 11 anoj de Azia Karavano, sed nur 3 anoj (Dogsuren el Mongolio, Chhim Sokha el Kamboĝo kaj Mukunda el Nepalo) havis vizon. Dum la UK aliaj 6 kelkfoje vizitis la japanan ambasadorejon, sed tute vane. Nur Gafur el Uzbekio sukcesis, ĉar li jam petis la vizon en sia lando. Por vizo ges-roj Doj multege klopodis ĉiam akompanante ilin. Minin devis havi ĉinan vizon por reveni. Por tio, mi aŭdis, ke okazis ia terura epizodo al mia frato, kiam li atendis ĉe la stacidomo de Seulo por akompani lin al la ĉina ambasadorejo.
3. Dua problemo estis sidloko de revenvojo. Estis terure malfacile havi sidlokojn, kvankam mi telefonadis kaj kuris al vojaĝagentejoj, kaj anoj, kiuj devas iri al Ĉinujo, aĉetis novajn flugbiletojn, kaj kelkaj devis resti kelkajn tagojn plu.
4. Pri la restado en Koreujo kaj Japanujo, karavananoj mem kaj zorgantoj detale skribos, kaj mi nun finas tre koncizan raporton.

***Kelkaj rimarkoj***

1. Oni devas pli frue decidi la kandidatojn por prepari kun sufiĉe da tempo. Ĉi-foje la decido estis tro malfrua.
2. Kandidatoj sciigu telefonnumeron, ĉar ofte okazas neatenditaj aferoj. Tiuj, kiuj ne havas telefonon, sciigu tiun de najbaro aŭ de amiko. Ekzemple ĉi-foje Perera el Srilanko telefonis lastamomente al C.O. kaj petis sendi bileton. Simo Milojeviĉ, ĝenerala direktoro, preparis bileton, sed ne sciis kiel sendi, ĉar poŝto jam ne helpis. C.O. atendis revokon, sed ne plu venis telefonvoko de li, kaj C.O. fine devis nuligi la bileton.
3. Mi eksciis, kial C.O. evitas la laboron de invito el aziaj landoj, kaj mi rekomendas

Projekton Ĉ-2 vojaĝi aziajn landojn, kie troviĝas samideanoj, kiuj plene zorgos ilin dum la vojaĝo.

***Dankoj***

1. ĈEL, s-ro Song en Tianjin, kiu mendis kaj malmendis biletojn, kaj s-ro Wei Shan, kiu estis preta gastigi mongolajn kaj rusan amikojn.
2. S-roj Shin Kjong-sik kaj Ĉe Manŭon, kiuj helpis la karavanon, kaj filioj de KEA en urboj Teĝon, Kuang-ĝu, Tegu kaj Pusan, kiuj bonvolis gastigi kaj gvidi en siaj urboj.
3. Multaj japanaj samideanoj, kiuj helpis finance kaj aranĝis diversajn okazaĵojn.

raporto pri la karavano en Koreio

## *1.2.2 Samideane kaj karavane*

*Zorganto de la karavano en Koreio, SIN Gjong-sik*

Unu tagon pli frue antaŭ la malfermo de la 79-a UK mi ekveturis al Seulo kun Kwangju-aj samideanoj. UK, okazonta de 23-a ĝis la 30-a de julio estis la 3-a kongreso post Japanio kaj Ĉinio en Azia Kontinento kaj en ĝi laŭplane 7 geesperantistoj el mia urbo devas deĵori kiel helpantoj dum semajno. Estas certe, ke multaj samideanoj el diverslandoj kongresos, sed al mi sterniĝas alia bildo.

***1) Komence***

Monaton antaŭ la UK mi ricevis de prof. d-ro SO Gilsu la informon, ke ĉi-foje organiziĝas Azia Karavano el 17 esperantistoj de 11 aziaj landoj, kaj li demandis, ĉu mi povos iel zorgi la karavanon dum ĝia restado en Koreio.

Mi senhezite akceptis la laboron, ĉar mi dum longa tempo havis grandan intereson pri Esperanto-movado en Azio, kaj tial utiligante la okazon mi deziris scii pri tio pli detale kaj pli konkrete.

Poste mi ricevis informilon pri la Azia Karavano, nomata "Eku al Seulo", kaj tiam mi eksciis detalaĵojn pri la karavano kun artikolo pri la decido de JEI kaj kunlaboro de s-ino DOJ Ĉieko. Post ne longe venis la 2-a informilo kun provizora itinero de la karavananoj.

Laŭ tio mi klarigis la detalaĵon de la karavano al samideanoj en la kunsido en Kwangju kaj mian taskon en tio. Mi petis ilian helpon, kaj ke ili revenu hejmen kiel eble plej rapide tuj post la kongresoj, ĉar ili plejparte deĵoras kiel helpantoj en UK kaj poste en IJK.

Laŭ la plano Azia Karavano vizitos 4 urbojn, nome Teĝon, Kwangju, Taegu kaj Pusan, kaj en ĉiu urbo po du noktoj kaj tri tagoj krom en Pusan. Do, kontaktiĝo kun respondeculoj de la 3 urboj restis al mi kiel la tasko dum kongresaj tagoj, ĉar al tiuj urboj ne nur Azia Karavano, sed ankaŭ multaj eksterlandaj esperantistoj vizitos post la UK turisme aŭ survoje al la insulo Cheju kaj Japanio.

Post 5-hora vojaĝo ni atingis la hotelon Sheraton Walker Hill. Granda reklamtabulo por la 79a UK, horizontale pendigita super ĝia enirejo frapis miajn okulojn.

***2) Azia Karavano***

Karavananoj unu post la alia atingis la kongresejon.

S.S. Pradhan (Bharato), Gafur Mirzabajev (Uzbekio) jam alvenis antaŭ la kongreso, kaj poste Mukunda Raj Pathik (Nepalo), NGO Chan Ly (Vjetnamio), Chhim Sokha (Kamboĝo), Ĉ. Dogsuren (Mongolio), kaj Hamaeh Shafiee (Irano), YU Dequan kaj Liu Xiaojun (Ĉinio), entute 9 esperantistoj ekaperis kiel heroldoj kun pezaj grandaj valizoj, ŝvitante kaj ridetante, kaj restis en la hotelo Dong-Seulo, kaj kelkajn tagojn poste venis ankaŭ Vladmir Jurjevic Minin (Tomsk, Rusio)

Dum la karavananoj ĉeestis en la kongresaj programeroj, ekstere aranĝantoj kuradis tien kaj ĉi tien por prepari enirvizon al Japanio, kaj klopodis ricevi iun novaĵon de ankoraŭ ne alvenantaj. Por tiu proceso s-ro Ĉue Man-ŭon dediĉis sin anstataŭ mi. Malgraŭ la penega klopodo de aranĝantoj nur 4 membroj el la karavano ricevis enirvizon al Japanio. Tro mizera rezulto. En kongresaj tagoj vole nevole rimarkita sinteno de ges-roj DOJ Hirokaz kaj Ĉieko estis vere impona. Aktiva, laborema, afabla kaj kapabla. Okulfrapa estis la edzo, senvorte helpanta la edzinon. Ŝajnas, ke mi vidis la modelon de samideaneca amo en ili.

En la kongresejo mi ĉefe kontaktis kun gvidantoj de la tri urboj, kien aziaj esperantistoj karavanos. Necesas mencii, ke la respondeculoj de la 3 urboj malgraŭ multaj malfacilaĵoj volonte surhavis tiun taskon por la azia movado.

Post la UK la karavananoj ekveturis al la 28a ILEI-Konferenco, okazinta en Universitato Kangnam de la 30a de julio ĝis la 5a de aŭgusto. Pri tiu parto eble alia samideano pli detale priskribos, ĉar mi ne havis mian taskon en tio.

***3) Vizito al Kwangju***

Oni telefone sciigis, ke Azia Karavano de ILEI-Konferenco en la 5a de aŭgusto, survoje vizitos IJK kelkajn horojn kaj la saman tagon veturos al Teĝon. La vojaĝoplano de la karavano subite ŝanĝiĝis. Mi haste telefonis al la 3 urboj kaj reordigis la vojaĝtagordojn.

Dum ili restis en Teĝon, ili ekskursis al naciparko, Monto Songni: Templo Popchu, kaj en la posta tago Teĝon-Ekspoziciejon.

Kiam ili alvenis ĉe la busstacio en Kwangju, ŝajnis, ke ili ĉiuj estis lacaj pro terura varmeco kaj sinsekva ŝanĝiĝo de cirkonstanco. Plie ili portis neelteneble grandajn kaj multajn valizojn.

Unue ili devis dividiĝi en du grupojn, triope kaj sepope.

Estis planite, ke 7 membroj tranoktu ĉe s-ro Kim Kwangĉe kaj aliaj 3 ĉe mi. Mi lasis

tiun solvon al ilia libera volo, sed vane. Ili petis min, ke prefere mi decidu. Estis malfacile kiel gastiganto elekti tiun kaj ĉi tiun. Do mi kuraĝis proponi, ke laŭ la aĝo tri aĝaj fariĝu miaj gastoj. Tiel estis decidite.

Momente la diro de unu samideano sage frapis min.

"Azia karavano devas ĉiam kune esti kaj agi."

"Jes, tiel estus bone." Kelkaj subtenis tion.

Poste mi sciis, ke ili kvinoniĝe tranoktis en Teĝon.

Tiun vesperon ili estis invititaj en la bufedo ĉe malvarmeta restoracio por laŭplaĉe gustumi koreajn manĝaĵojn. Tiam aliĝis ankoraŭ 5 esperantistoj el 3 eŭropaj landoj, jam turisme restintaj en mia urbo. Vere internacieca atmosfero regis. Post mia esperantistiĝo renkontiĝi kun tiom da diverslandaj esperantistoj en Kwangju okazis unuafoje kaj tio estis festo longe memorinda por nia movado.

Post vespermanĝo al ni ne troviĝis konvena loko, kie 25 esperantistoj kunside esperantumos. Ni decidis kunsidi en la vasta ĝardeno ĉirkaŭ mia apartamento. Mi tuj preparis tablon kaj kandelojn. Kial mankos al ni trinkaĵo kaj biero! Vere okazis kongreseto. Ni libere interparolis forgesante tempon. Tie ne plu estis pakistanano, vjetnamano, kamboĝano, ĉino, germano, aŭstraliano, belgo kaj koreo ktp, sed nur homoj. Anstataŭe malfermiĝis multaj fenestroj, nome nepala fenestro, bharata fenestro, mongola...., tra kiuj ni povas rigardi ties kulturon, historion, vivon kaj Esperantan movadon. Kandellumo dancadis fantazie en mallumo. Momente nia tutanimo kunfandiĝis en tiun atmosferon.

Mi klarigas kelkajn vidindajn lokojn, por ke ili laŭplaĉe elektu unu el ili por ekskursi morgaŭ. Mi esperis, ke ili laŭplaĉe vizitos ŝatatajn lokojn. Sed ili decidis unu lokon, Monto Mudung, dirante ke membroj ne devas disiĝi.

Post la forveturo de 7 membroj, kiuj devis aliloke dormi, restantaj samideanoj translokiĝis en mian domon. Kvankam nova tago jam komenciĝis, neniu kuraĝis disiĝi.

***4) Ekskurso al Monto Mudung***

Ne estas ordinare, ke en la urbo troviĝas granda monto, alta je 1,187 m. Ĝi estas simbolo de la urbo, kies loĝantoj amas justecon kaj demokration. Vekiĝinte matene, laborante tage kaj revenante hejmen vespere niaj urbanoj renkontas tiun monton grandaniman, kiu ĉiam varme ĉirkaŭprenas ĉiun volon de urbanoj. Se iu ankoraŭ memoras la tragedian manifestacion kontraŭ tiama milita registaro en 1980, tiu sufiĉe povas kompreni, kia estas la instruo de tiu monto. Kelkcentoj da urbanoj mortis kaj kelkmiloj vundiĝis dum tiu masakrado. Pro tio niaj urbanoj vivas kaŝante tiun malĝojon en profundan koron. Tiu monto senvorte komunikas, kiel vivi estas justece kaj homece. Tio iusence koincidas al la spirito de Esperanto.

Unua ekskurso de Azia Karavano estis grimpi tiun monton.

Antaŭtagmeze ni renkontiĝis en la urbocentro. Sed samideanoj havas diversajn volojn starante antaŭ vendejoj, jen iuj deziris viziti vendejojn por donacoj, jen aliaj asertis, ke ili grimpu la monton laŭplane. Fine mi proponis, ke ili prefere aĉetu donacojn en bazaroj en Pusan. Tie troviĝas internaciskalaj bazaroj, kie oni vendas malmultekostajn diversajn vendaĵojn. Sed mi ne antaŭvidis, ke mia konsilo alportos strangan rezulton.

5-hora ekskurso finiĝis en gaja ekzotika etoso.

Je la 7a posttagmeze, ni ankoraŭ sidis ĉe s-ro Kim Kwangĉe; estis ankaŭ eŭroplandaj esperantistoj same kiel en la pasinta vespero; nove familianiĝis japana samideano.

Gastiganta pastoro aranĝis 6 grandajn tablojn en sia preĝejo kun diversaj manĝaĵoj, sindone preparitaj de lia edzino kaj esperantistinoj. Tie ĉiuj laŭvice prezentis Esperanto-movadon de sia lando kaj ankaŭ ĝian perspektivon. Ĉiuj bone sciis laŭ sia sperto, kiom malfacila estas loka propagando, kaj li kaj liaj samideanoj suferis dum tiu periodo, kaj samtempe tiu sufero ne estas fino, sed la komenco de longa vojaĝo esperantista dum la vivo. Ĉiuj kun amo reciproke karesis tiun doloron.

Sed tiu kunsido estis tro mallonga, por ekscii la movadon de la landoj.

Ni forlasis la lokon per la lasta urbobuso, promesante, ke ni morgaŭ matene renkontiĝu en busstacio.

*5) Adiaŭo en la busstacio*

Postan tagon, forlasinte mian hejmon, prof. Liu Xiaojun donis paperon, skizon de universitata movado en Shandong.

Ni renkontiĝis en la busstacio. Ĉiuj kune fotiĝis en la atendejo kaj manpremis forte. Kiam ni denove renkontiĝos, neniu scias. Tamen ni promesis revidi. Jes, ni samideanoj iam certe renkontos reciproke aŭ niajn fruktojn, dissemitajn de ni ĉiuj. Mi momente pensis, ĉu ne estas ia manko al ni kiel gastigantoj. Se mi malkaŝe dirus, mi faris ĉion eblan. Tamen estis unu manko: Tio estas, ke ni ne preparis sufiĉan okazon interparoli kaj interŝanĝi niajn spertojn, dece al Azia Karavano. Tio restas longe en mia koro kiel doloro. Pardonu, amikoj, mi petas vian indulgon en la nomo de samideanoj en Kwangju.

Kiam la ekspresa buso malaperis antaŭ miaj okuloj, mi telefone sciigis al la urbo Taegu, ke Azia Karavano ekveturis.

Metinte ricevilon mi eksentis malpezon, sed samtempe malplenecon. Ili estis vere karaj amikoj, fratoj. En mia kapo trapasis jena versio de nia Majstro, nomata :"Al la fratoj".

...Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo...
Tre malproksime ĉiuj ni staras
La unuj de la aliaj.
Kie vi estas, kion vi faras,

Ho, karaj fratoj vi miaj?

***6) Por estonteco***

Tiun vesperon mi longe restis en laborejo ĝis malfrue, ĉar mi tro longe forlasis mian laboron, pretekste de la kongreso. Tiam sonoris telefono. Estis mia filino. Laŭ ŝi kelkfoje telefonis samideanoj en Taegu. Mi haste prenis telefonon, ĉu okazis io grava? La sekretario de Esperanto-Grupo en Taegu petis mian konsilon, pro tio ke kelkaj samideanoj rifuzis resti en Taegu, kaj obstinas veturi al Pusan kiel eble plej frue. Mi tuj komprenis, kio okazis. En mia urbo okazis sama afero. Do, mi konsilis laŭ mia sperto:

Kiam ni apenaŭ malsupreniris de Monto Mudung dum la ekskurso, iu samideano subite persistis sur la vojo, ke li tuj veturu al Pusan. Mi konsternite ŝtoniĝis, ne sciante kiel kompreni tiujn vortojn.

"Ĉu vi ne iros morgaŭ al Taegu?"

"Ne, mi ne iros tien. Mi rekte iros al Pusan."

"Ĉu vi scias, kiel veturi al Pusan?"

"Jes!"

Li ne estas libera turisto, sed membro de Azia Karavano sub la granda plano de la azia movado, subtenata de UEA. Se tiel, li devas havi almenaŭ minimuman etiketon kiel gasto en alia lando.

Mi senvorte prenis paperon kaj skribis telefonnumeron de lia gastiganto kaj la numeron de la buso al ĝi, kie nun estas lia valizo.

"Jen, prenu tion. Nia ekskurso ankoraŭ ne finiĝas. Nun ni ĉiuj ne povas reiri pro via problemo. Do, vi mem reiru laŭ ĉi tiu skribaĵo, sed vi ne forgesu, ke se vi nun sola iros al Pusan, oni ankoraŭ ne pretas bonvenigi kaj gastigi vin."

Tio estis nur malgranda polvero sur la jado, kaj malgraŭ tiu amareco neniom malpliiĝas la graveco de Azia Karavano. Plejparte de ili estis favoraj kaj sinceraj samideanoj. Tio povus fariĝi ankaŭ bona instruo por venontaj karavananoj kaj estonta azia movado. Estas rekomendinde, ke oni aĉetas donacojn bonkvalitajn kaj malmultekostajn por familianoj kaj amikoj. Ankaŭ tio estas plezuro dum vojaĝo. Sed estus bone, se oni pripensus tempon kaj lokon kaj antaŭe konsultus tion kun tieaj samideanoj, kiuj ĉiam servopretas kiel ajn helpi. Tieaj loĝantoj pli bone scias, kie oni vendas specialajn kaj malmultekostajn vendaĵojn.

Kaj membroj de Azia Karavano ŝajne konsentis pri tio ke ili ĉiam devas kune esti kaj agi. Sed estus bone, ke krom kunsido ili elektu laŭvole ekskurson, kondiĉe ke gastigantoj sufiĉe pretas.

Ĉar karavananoj ja havas malsamajn laborojn kaj interesojn.

Memorante, ke tiu mirinda renkontiĝo de aziaj esperantistoj komenciĝis de la penegaj laboroj de d-ro prof. SO Gilsu, estrarano de UEA kaj sindonema s-ino DOJ Ĉieko

(redaktanto de "Esperanto en Azio"), mi elkore dankas al ili.

Aldone ĉi-foje el Singapuro eĉ 5 esperantistoj partoprenis, kvankam ili venis el pagipova lando, sed tamen ne forgesu, ke ili ja estas samaj pioniroj en Singapuro same kiel la karavananoj.

*(SIN Gjong-sik/ P.O. Kesto 130, Kwangju 501-600, Koreio/tel.: -82-62-675-1812)*

## 1.3 Pri Azia Karavano en Japanio

Pro diversaj kialoj Japanion povis viziti nur 4 karavananoj: Chhim Sokha el Kamboĝo, Mukunda Raj Pasik el Nepalo, Ĉimidin Dogsure el Mongolio kaj Gafur Mirzabaev el Uzbekio. Ili prelegvojaĝis de la 13a ĝis la 30a de aŭgusto en 26 urboj de la lando. En 9 urboj okazis publikaj kunvenoj, kie ĉeestis ankaŭ ne-esperantistoj. Japanaj ĵurnaloj ĉefe lokaj informis pri la kunsidoj. Pro ilia vizito japanoj povis konatiĝi kun aziaj kuluturoj tute aliaj ol japanaj kaj samtempe konstatis ankaŭ veran parencecon, kaj japanaj esperantistoj ekkonis Esperanto-movadojn en iliaj landoj, kie troviĝas multaj malfacilaĵoj , kiujn ni japanoj ne povas facile imagi. Tiel ni tre intimiĝis al iliaj landoj kaj tieaj movadoj. Pri detalaj raportoj vi legos en la sekvonta numero.

*DOJ Ĉieko*

# 2. Raporto de kunsidoj pri azia agado en la Seula UK

## 2.1 07-26, 09:00~10:30, fermita, ĉeestis ĉ. 50, prezidis SO Gilsu

### 1. reĝimo post SO Gilsu

Oni interkonsentiĝis por havi komisionon pri azia agado, ĉar So venontjare eksiĝos de estraraneco de UEA. Oni diskutis: Ni nepre havu vicprezidanton de UEA pri azia agado, kiu ne okupiĝu pri administrado de UEA, sed nur pri movadaj aferoj. Tion ni postulu de UEA. Tamen eĉ se tio ne realiĝos, ni nepre havu la komisionon el 3~4 personoj. Por havi la komisionon ni elektis 3 personojn kiel anojn de elekt-komisiono: SO Gilsu el Koreio, YAMASAKI Seikô el Japanio kaj ZOU Guoxiang el Ĉinio. Tiu elekt-komisiono laboru interkonsiliĝante reciproke. Laŭ ĝia laboro ni ekhavu la komisionon.

### 2. Azia Kongreso

Puramo Chong proponis havi Azian Kongreson por ke azianoj pli ofte kongresu por praktiki Esperanton. Multaj aprobis lian proponon, kvankam prezentiĝis diversaj problemoj: Ofteco, kongreslando, rilato al Pacifika Kongreso ktp. Se la komisiono estos preta, tiam ĝi diskutu ankaŭ pri Azia Kongreso.

*3. Azia Centro*

Multaj esprimis sian negativan opinion pri Azia Centro, ĉar teni la centron kaj konstantan oficiston estas ege malfacile.

*4. alia*

Estis konsentite, ke oni uzu efike nur rentumon de la kapitalo "Azia Fondaĵo", almenaŭ en la nuna stadio.

## 2.2 07-29, 11:30~13:00, publika, ĉeestis ĉ. 70, prezidis SO Gilsu

*1. Rezulto de la elekt-komisiono*

Oni jam havis la kunsidon de la elekt-komisiono dum la kongreso kaj decidis: La nomo de la komisiono por azia movado ŝanĝiĝu al la Komitato, ĉar ĝi ne estas komisiita de iu organizo, nek de iu persono. La komitato konsistu el 5 personoj: TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko el Japanio, Puramo Chong kaj LEE Jung-kee el Koreio kaj Zou Guoxiang el Ĉinio. SO Gilsu kaj la 5 komitatanoj kunlaboros dum unu jaro. Pri plipostaj aferoj la komitatanoj pristudos.

*2. Pri Azia Kongreso*

Prezentiĝis diversaj opinioj: Ĝi okazu en landoj, kie prezo ne estas multekosta kaj kie vizo-problemo estas facila; ĝi okazu en la centra parto de Azio, por ke la vojaĝo al la kongres-urbo estu facila; por tiuj kondiĉoj ekzemple, Ĉinio, Uzbekio, Nepalo ktp. estas taŭgaj; ni havu fondaĵon por okazigi la kongreson en ĉiuj landoj en Azio.

*3. Aliaj*

Oni interŝanĝis sciojn pri la movado en Indonezio, kvankam neniu el la lando partoprenis en la UK.

Multaj parolis pri la malfacila stato de la Esperanto-movado en sia lando kaj petis helpon de UEA. Al tio So respondis, ke ili utiligu la projektojn pri Azia Agado.

Mukunda Raj Pathik el Nepalo invitis ĉeestantojn al Internacia Renkontiĝo en Nepalo (1995-02-26~03-09)

J.H. Erasmus el Nederlando konsilis, ke oni havu diskutojn pri lingvaj problemoj en Azio.

S.S. Pradham el Bharato deziris, ke oni oficiale enkonduku aziajn vortojn en Esperanton.

*4. Salutis la nove elektitaj komitatanoj.*

# 3. La protokolo de la unua kunsido de Komitato pri Azia Esperanto-Movado (K.A.E.M)

Kadre de la 79a Universala Kongreso en Seulo, oni kunsidis por diskuti pri la azia Esperanto-movado du foje en la 25a (fermita kunsido) kaj 30a (malfermita) de julio, 1994. Laŭ la iniciato de d-ro So Gilsu, la estrarano pri azia movado de U.E.A., oni diskutis kaj decidis establi la komisionon pri azia movado. En la kunsido oni elektis tri elektkomisionanojn: d-ro So Gilsu el Koreio, s-ro Yamasaki Seikô el Japanio kaj s-ro Zou Guoxian el Ĉinio, kaj ili, laŭ la rekomendoj en la kunsidoj de respektivaj asocioj ŝanĝis la nomon de *Komisiono al Komitato*, kaj elektis kvin komitatanojn: s-ro Takeuti Yosikazu, s-ino Syozi Keiko el Japanio, s-ro Zou Guoxian el Ĉinio, kaj s-ro Puramo Chong, s-ro Lee Jung-Kee el Koreio.

Tiuj nove elektitaj kvin komitatanoj unuafoje kunsidis en la 28a de Julio kaj diskutis frontitajn problemojn pri azia movado kaj jen estas la rezultoj en tiu kunsido.

1. La oficiala nomo de la komitato estu "Komitato pri Azia Esperanto-Movado" (Mallongige K.A.E.M)
2. S-ro Takeuti Yosikazu estis elektita kiel la ĉefkomitatano, kaj d-ro Puramo CHONG kiel la sekretario de la komitato.
3. La mandato de la komitatanoj iras ĝis la jaro 1995 en la Tamperea U.K.
4. La komitato plenumas sian taskon kunlabore kun d-ro So Gilsu, nuna estrarano pri azia movado de U.E.A.
5. En la kazo de eksiĝo de komitatanoj, la koncernata landa asocio rekomendas la sekvanton.
6. La unua Azia Kongreso (AK) okazu en Ĉinio, kaj oni komisias la definitivan lokon al la decido de Ĉina Esperanto-Ligo. La plej taŭga tempo por la unua AK estu espereble la komenco de majo de la jaro 1996 kaj la periodo kvar tagoj.
7. La ofteco de AK estu esperble ĉiu dua jaro, sed oni ne plene decidis tion sed prokrastas ĝis la decido en la unua AK.
8. La komitato morale subtenas la *"Internacia Himalaja Renkontiĝo"*, kiun okazigas Nepala Esperanto-Asocio en la 9a de marto, 1995.
9. La komitato sendas tiun ĉi protokolon, subskribitan de kvin komitatanoj, al ĉiuj landaj asocioj, instancoj kaj aktivuloj en Azia regiono.

*Per la respektivaj subskriboj, la kvin komitatanoj konstatas tiun ĉi protokolon korekta.*

*la 3an de aŭgusto, 1994 Seulo*

Ĉefkomitatano de K.A.E.M.: TAKEUTI Yosikazu

Sekretario: Puramo CHONG

Komitatano: s-ino SYOZI Keiko

Komitatano: s-ro ZOU Guoxiang

Komitatano: S-ro LEE Jung-Kee

# 4. Raportoj

## 4.1 Junulara movado de Ĉinio

En Zhengzhou, la ĉefurbo de Hennan-provinco, la 7an de aŭgusto okazis la dua konferenco pri Ĉina Junulara Esperanto-movado, iniciata de Ĉina Junulara Esperanto-Asocio kaj Henan-a Junulara Esperanto-Asocio. La organizanto Zhengzhou-a Esperanto-Asocio alvokis ĉirkaŭ 60 junulojn el 7 provincoj ĝin ĉeesti. Dum la dutaga konferenco oni diskutis pri la starigo de enlanda esperantista kontaktoreto kaj la lingvnivela altiĝo de la junularo. En la inaŭguro vicurbestro de Zhengzhou faris varman gratulon kaj infanoj dancis kaj Esperante salutis, kion la lokaj amaskomunikiloj publike raportis.

*raportis Wang Jianbing/Ĉina Esperanto-Ligo, P.O. Kesto 825, Beijing, Ĉinio*

## 4.2 Somera Esperanto-Semajno

Tuj post la 79a UK okazis la Ĉina Esperanto-semajno en la someruma urbo Qinhuangdao, Hebei-provinco inter 15-21 de aŭgusto 1994. Ĝin ĉeestis 55 esperantistoj el 15 provincoj. Ili tie ne nur agrable pasigis la semajnon per naĝado, ekskurso sur maro, grimpado al la Granda Muro kaj vizito al pitorekskaĵoj, sed ankaŭ ĝuis la harmonian kunvivadon de esperantistoj. Dume oni funkciigis paroligan Esperanto-kurson kaj interŝanĝis opiniojn pri la nuna stato de ĉina Esperanto-movado.

*raportis Ĉina Esperanto-Ligo*

## 4.3 Diskonigo de Esperanto en Hindio

La aktivuloj de la Bangalora Esperanto-Centro vizitadas mezlernejojn kaj altlernejojn por informi la lernantojn pri Esperanto, laŭ la decido de la estraro de FEB en Bangalora.

En la 22a de januaro 1994 s-roj Sureŝ, Pradhan kaj d-ro Tekur ĉeestis la kunvenon organizitan de s-ro Raj Gopal, la estro de Aĉarja Patasala, la ina mezlernejo en Bangalore. Sureŝ parolis pri la graveco de la internacia lingvo. Pradhan klarigis la gramatikon de

Esperanto kaj Tekur eksplikis pri la praktika utileco de la internacia lingvo, Esperanto. Sekvis tre vigla sesio de enketoj, demandoj kaj respondoj. Aprezante la intereson de la knabinoj la estro de la lernejo planis aranĝi mallongan kurson en la lernejo dum la vintra ferio, kiun gvidos la B.E.C. La organizantoj ankaŭ aranĝis ekspozicion de la revuoj kaj libroj de Esperanto.

En la 1a de februaro, Rotario Klubo de R.T. Nagar, Bangalore, invitis la organizantojn de la Bangalore Esperanto-Centro prelegi al la grupo en Hotelo Harsa. Ĉirkaŭ 25 rotarianoj ĉeestis kaj konatiĝis kun la Esperanto-movado en Bharato. Flanke de la Esperanto-Centro, s-ro Tekur, Pradhan, Sureŝ, Ramaswamy, Sivakumar kaj f-ino Anupama ĉeestis. D-ro Prasanna Kumar, la prezidanto de Rotaria Klubo, esprimis ke li volas aranĝi similajn kunvenojn en aliaj rotariaj kluboj. S-ro Pradeep C. Desai de SPAN Computer Centre bonvolis oferi senpage ejojn por la mallongaj Esperanto-kursoj por rotarianoj en diversaj kvartaloj de Bangalore. La kursojn gvidos organizantoj de la B.E.C. Kiel kutime, Esperanto-ekspozicio allogis multajn en Hotelo Harsa.

La loka taĝjurnalo "Kannada Prabha" en Bangalore aperigis eseon pri Esperanto kaj la agado de Esperanto-Centro en 16a de decembro 1994. B.E.C. ricevis pli ol 250 enketleterojn kaj eĉ nun lavango daŭras!

*S.S.Pradhan/ 97, 24th Cross, 3rd Block, East, Jayanagar, Bangalore, 560011, Hindio*

## 4.4 Esperanto por Yumeiho, Yumeiho por Esperanto, Novaĵoj el Hanojo

Hanoja Esperanto-Klubo kaj Yumeiho-Rondo kun la subtenantoj, okazigis de la 5a ĝis la 7a de aprilo en la kongresejo de la Medicina Supera Lernejo la Internacian Simpozion pri Orienta Medicino, en kiu Yumeiho estis unuafoje oficiale prezentita de s-ro Saionji al la medicina fakularo de Hanojo kaj de Vjetnamio.

Ĉeestis en la simpozio 60 partoprenantoj; inter ili 15 esperantistaj kuracistoj kaj Yumeiho-simpatiantoj. Estis eksterlandaj gastoj el Sud-koreio kaj Kanado. Ses prelegoj pri orienta medicino (masaĝo, akupunkturo, kaŭterizo, vitala gimnastika ekzercaro) sekvis la ĉefan prelegon de s-ro Saionji pri Yumeiho, kiu konsistis el parolado kaj prezentado de vidbendo. La tuta antaŭtagmezo de la 7a estis rezervita por la praktikado de Yumeiho per la iniciatinto mem je du pacientoj de lumbalgio kaj de ŝultrodoloro. Vjetnamaj fakuloj diskutis arde pri la nova metodo, kompare kun siaj tradiciaj kuracmetodoj. Konkretaj eventoj konvinkis ankoraŭ pli vjetnaman fakularon pri la efikeco de Yumeiho, kiam s-ro Saionji kuracis la gravan malvarmiĝon de unu partoprenanto al la simpozio kaj la kalkanan tordiĝon de unu junulo.

Vjetnama Yumeiho-Rondo tradukis la libron "Speciala Orienta Diina Masaĝo" komence de 1992, kaj esperantistaj kuracistoj aplikas prove Yumeihon miksinte sian

tradician masaĝon kaj kuracas sukcese kelkajn sindromojn pri doloro ĉe vertebraro.

La "Eldonejo Kulturo kaj Informo" akceptis eldoni la tradukitan libron je 2000 ekzempleroj kun financa helpo de la aŭtoro kaj oni demandas malfermi Yumeiho-kursojn en Hanojo kaj en la "heroa hospitalo" Van dinh (50 km de Hanojo).

Vjetnamaj kuracistoj sciigas pri la simpozio kaj multaj interesiĝas pri Yumeiho ne nur en Hanojo, sed en la tuta lando, aparte en ĉirkaŭaj provincoj de la ĉefurbo.

*Hanoja Esperanto-Klubo kaj Yumeiho-Rondo:*
*Nguyen Van Dien / 6 Vongduc, Hanoi, Vjetnamio*

## 4.5 Amatora Radio en Hindio

Nacia Instituto de Amatora Radio estas ĉefa organizo en Hindio, kiu disvastigas la hobion Amatora radio inter junuloj kaj aliaj interesitoj.

S-ro Rajiv Gandhi, la iama ĉefministro de Hindio, mem ankaŭ estis radio-amatoro kaj ano de tiu ĉi organizo. Nur je lia insisto NIAR tre rapide populariĝis ĉi tie. Antaŭ ne longe NIAR organizis sian nacian kongreson en Bangalore, la ĉefurbo de Karnataka ŝtato, en kiu partoprenis 450 radio-amatoroj de dise de la lando. La konferenco okazis en la 9a kaj 10a de aprilo '94 kaj rimarkinda afero estas ke ĉi-foje NIAR invitis la Esperanto-organizantojn por sciigi al la partoprenantoj kio estas Esperanto kaj kiel ĝi utilas en la internacia komunikado. Pro la speciala invito, mi mem kaj s-ro Pradhan kaj s-ro Sureŝ de Bangalore Esperanto-Centro partoprenis kaj gvidis unu laborogrupon.

En la konferenco mi parolis pri la rolo de Esperanto en la internacia amikeco kaj kunlaboro kaj preskaŭ ĉiuj kongresanoj estis surprizitaj eksciinte pri nia kara lingvo kaj ĝia efikeco en internacia komunikado. Ni ankaŭ organizis grandiozan Esperanto-ekspozicion, kiun vizitis ĉ. 400 homoj. Dum la konferenco, la Esperanta lernilo, "Let us lern Esperanto, the international language" kiun mi verkis, estis vendita je 42 kopioj. Oni anticipas bonan estontecon por nia lingvo inter radioamatoroj en Hindio en la estonteco. Jam estas kelkaj radio-amatoroj, kiuj uzas la lingvon en sia reto kaj estas kelkaj esperantistoj, kiuj lernas kaj baldaŭ iĝos radio-amatoroj.

*P.V. Ranganayakulu/J.O.Q.4 TTD Qrts., K.T. Road, Tirupati-517 501, A.P., Hindio/tel.:08574-24342*

## 4.6 Japana Esperanto-Junularo fariĝis Landa Sekcio de TEJO en Japanio

Japana Esperanto-Junularo (JEJ), post la fondiĝo en marto de 1992 kun la celo pliviglígi junularan Esperanto-movadon en Japanio, glate progresadis iom post iom. JEJ sukcese gajnis kelkdekojn da membroj kaj jam fariĝis preskaŭ landskala organizo junulara. Ni paralele preparadis partopreni en internacia esperantujo junulara kaj finfine

fariĝis la japana Landa Sekcio de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) okaze de la komitata kunveno dum ĉi-jara IJK en Koreio.

*TAI Hisayuki: prezidanto de Japana Esperanto-Junularo/*

*332 Saitama-ken, Kawaguti-si, Hontyo 2-5-15-705/*

*tel. faks. 048-226-4355/PCVAN: LYJ86341/ Nifty-serve: MHCO1331*

## 5. Proponoj

### 5.1 Por antaŭenpuŝi la Esperanto-movadon en Ĉinio

Por larĝeskale kaj longedaŭre antaŭenpuŝi la Esperanto-movadon en Ĉinio, por laŭplane kaj laŭpaŝe kulturi daŭrigantojn de la Esperanto-movado, por vizaĝi al la mondo kaj al la estonteco, ni opinias, ke ni devas aktive disvastigi Esperanton inter infanoj kaj junuloj. Por tia celo ni proponas, ke la Sciencista-Teknikista Esperanto-Asocio en la Ĉina Akademio de Sciencoj, kun subteno kaj helpo de la Ĉina Esperanto-Ligo kaj lokaj Esperanto-asocioj, komencu fari jenajn laborojn kaj aktivadojn:

1. Kompili seriajn lernolibrojn de Esperanto por antaŭ-lernoaĝaj geknaboj, elemetlernejanoj kaj mezlernejanoj.
2. Elekti kaj kulturi instruistojn kun seioza atento. Paŝon post paŝo starigi trupon de instruistoj, kiuj amas Esperanto-instruadon, havas relative altan nivelon de Esperanto kaj havas relative riĉan sperton de instruado.
3. Elekti iun infanĝardenon, iun elementan lernejon aŭ iun mezgradan lernejon en diversaj lokoj laŭ la kondiĉo por fari instruan provadon kaj akiri spertojn.
4. Interŝanĝi spertojn pri kompilado ke lernolibroj kaj instruado de Esperanto en "la Mondo", "Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj" kaj aliaj revuoj kaj en diversaj kunvenoj.
5. Okazigi en julio de 1996 en Beijing "Internacian Someran Semajnon en Esperanto por Infanoj kaj Junuloj" kaj "Simpozion pri Kompilado de Lernolibroj kaj Instruado de Esperanto por Infanoj kaj Junuloj".

*4a Internacia Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto*

*la 13an de julio, 1994,*

*Beijing Esperanto-Asocio*

*Academia Sinica*

*52 Samlihe, 100864, Beijing, Ĉinio*

### 5.2 Urĝa projekto:

Ni ĵus klopodas serĉi eksterlandajn universitatojn por kunlabori altnivelajn fakajn

talentulojn por bone servi al la 21a jarcento.

Por ĉinaj studentoj: Ili lernos tri jarojn en Ĉinio, en nia Bei Li-a Universitato aŭ Yi Jin-a Universitato. En la kvara jaro, t.e. la lasta jaro ili studos en via universitato. Post la fina ekzameno ĉe vi, via universitato kaj nia universitato donos aparte al ili diplomojn. La studfakoj povos esti lingvo (Esperanto aŭ via nacia lingvo), internacia ekonomio kaj komerco, administro de entrepreno ktp, laŭ via dispono.

Por viaj studentoj: Ili lernos tri jarojn en via lando, kaj en la kvara jaro ili studos en Ĉinio. Post la fina ekzameno ĉe ni, nia Bei- Li-a Universitato aŭ Yi Jin-a Universitato kaj via universitato donos aparte al ili diplomojn. La studfakoj estos pri ĉinstilaj fakoj, ekz., la ĉina lingvo, akupunkturo kaj masaĝo, "Yi Jin" Homo-korpa scienco ktp.

Ni petas vin helpi nin trovi tiun ĉi universitaton en via lando. Se eblas kaj vi konsentas, bonvolu tuj sendi al ni la oficialan dokumenton, subskribitan de tiu ĉi universitato. Post detala diskuto ni ambaŭflanke subskribu la interkonsenton.

*Shen Chengru kaj Wang Yuchun*
*Esperanto-Asocio*
*Academia Sinica*
*52 Samlihe, 100864, Beijing, Ĉinio*

## 6. Informo

***Himalaja Esperanto-Renkontiĝo okazos en Nepalo***

tempo:1995-02-26~03-09

Se vi interesiĝas pri tio, petu informon de Nepala Esperanto-Asocio:P.O.Box 6304, Katmandu, Nepalo.

## 7. peto

***Via(j) Rideto(j) serĉatas en Samarkando***

SALUTON! Se vi ankoraŭ ne forgesis kiel rideti, ridetu do (kial ne?) kaj sendu tiun ĉi rideton (aŭ eĉ ridetojn) al nia internacia ekspozicio subtitole "LA MONDO RIDETAS". Vi ankaŭ povas inviti rideti kun ni viajn parencojn, amikojn, kolegojn, najbarojn, hejmbestojn... Partoprenante en nia plej serioza transnacia kaj translingva ridet-projekto, vi havos la ŝancon trovi novajn amikojn, rakonti pri vi mem kaj diri/deziri kion ajn vi volas al la homoj vizitontaj la ekspozicion.

DO, prenu kaj ekspedu viajn ridetojn al ni en ajna ebla formo (foto, desegnaĵo, printaĵo ktp). La aĝo de ridetontoj kaj la kvanto/dimensio de viaj kontribuoj estas

NELIMIGITAJ. Dankon!

EKU do kaj startu rideti ... plejeble baldaŭ, hodiaŭ, tuj ĝuste nun.

Atendante viajn ridetojn ĝis la fino 1994, samideane restas kun amikaj ridetoj, ridetaktivuloj de la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro

*Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro/ pk 76, UZ-703000 Samarkand, Uzbekio*

# 8. leteroj de legantoj

## 8.1 el Zhengzhou, Ĉinio 1994-06-13

karaj redaktoroj

Mi agrable informiĝis de la bulteno "Esperanto en Azio" n-ro 15, ke mi oficiale aliĝis al UEA kune kun 58 ĉinaj esperantistoj. Kun kora danko mi al vi raportas jene.

1. Mi regule ricevis la n-rojn 14 kaj 15 de la bulteno. La bulteno estas ĉiam tiel alloga ke mi ĝin admire fiks-karesis per miaj okuloj dum longa tempo kaj finlegis preskaŭ en unu spiro. La bultenon mi unuafoje legis ekde EeA n-ro 13, kiun mi ricevis de iu amiko. Kaj poste mi sendis al d-ro SO Gilsu skribojn kompletajn laŭ al postulo de la projekto C. Estas ĝojinde, ke tiel efektiviĝis, kiel mi deziris, dank' al via evidente efika laboro koncerne de EeA kaj la helpo de kontribuintoj koreaj kaj japanaj. Koran dankon al vi ĉiuj kontribuintoj!

2. Mi bone ricevis la membrokarton de UEA kaj kelkajn numerojn de la oficiala organo de UEA. Ankaŭ la revuo "esperanto" estas bela, interesa kaj praktika.

*(s-ro) Kong Lei/ Qingzhensijie 129 Hao, CN-450004 Zhengzhou, Ĉinio*

## 8.2 el Haikou, Ĉinio 1994-06-20

Estimataj gesinjoroj

Mi jam bonorde ricevis ĉiun numeron de "Esperanto en Azio", dankon!

Nun mia kompanio GRUPO YEMA estas tre prospera. Mi planas kunlabori kun aliaj esperantistoj kaj organizoj, por ke ni konstruu Esperantan Domegon en Ĉinio.

Nun vizitas min du francaj esperantistoj. Ili loĝas en mia nova hejmo. Ĉi tie ili havas feliĉan ĝojan kaj interesan vivon. Mi atendas, ke vi vizitos nian insulon Hainan!

*s-ro Xiao Fujun/ No. 2-402, Huayang New Village, Haikou, Hainan, CN-570005 Ĉinio*

## 9 *Ricevita organo*

***"Esperanto en Singapuro"***

Ĉi tio estas monata organo de Esperanto-Asocio (Singapuro) kun 8 paĝoj. Oni uzas du lingvojn: Esperanton kaj la anglan lingvon. Aperas en ĝi diversaj novaĵoj pri Esperanto kaj ankaŭ ekster Esperantujo. Multaj estas pri aferoj eksterlnandaj.

adreso: Tanjong Pagar P.O. Box 0634, Singapore 9108

## *10 Kontribuoj*

Post la raporto en n-ro 16 ĝis la 25a de oktobro jenaj 45 esperantistoj kaj unu grupo en Japanio kontribuis por la azia movado sume 68 stelojn (136,000 japanaj enoj).

Joel BROZOVSKY, Esperanto-Rondo de Tomakomai, GOTOO Hitoŝi, HAJAKAŬA Joŝinori, HAJAŜI Ken, HORI Jasuo, HAMADA Jumiko, HUĴITA Takeo, IŜII Joŝiaki, IŜIKAŬA Takeŝi, JAMASAKI Seikoo, JAMAZOE Saburoo, JAMAMOTO Ŝintaroo, JAZAKI Jooko, KATAOKA Tadaŝi, KARIBE Riiĉi, KOBAJAŜI Cukasa, KOGA Ŝiroo, KONIŜI Ĉijo, KONIŜI Gaku, MACUMOTO Teruo, NAGAOKA Jiroo, NAKAMIĈI Tamihiro, NAKAMURA Isao, NIŜIDA Micunori, NIŜIKAŬA Tojozoo, NIŜIMURA Naĉiko, NIŬA Masahisa, ONDA Hiromasa, SAIKI Masajuki, SAITOO Cume, SAKAMOTO Jumijo, SAMURA Rjuuei, SASAKI Ricuko, Whilhelm SCHMID, SUGANAMI Cutomu, SUZUKI Takao, ŜIBAJAMA Jun-iĉi, ŜOOĴI Keiko, TAHIRA Masako, TAKASE Joŝiko, TANIGUĈI Teruo, UEDA Tomohiko, UENO Kacuhiro, ŬADA Midori, ŬATANABE Kooji

Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj!

• ***Parolas redaktantoj:*** Ĉi-somere estis eksterordinare varmege en Koreio kaj Japanio. Ŝajne niaj energioj elĉerpiĝus. En tia varmego aktivis nia agado en kongresejoj de UK, IJK kaj ILEI, kaj poste anoj de Azia Karavano prelegvojaĝis en Koreio kaj Japanio helpe de ambaŭlandaj esperantistoj. En ĉi tiu numero vi legas raporton de la organizantoj de la karavano. En la sekvonta numero vi legos tion de la karavananoj mem. Ni esperas, ke ilia vojaĝo alportos riĉajn fruktojn al Esperanto-movado de iliaj landoj. Ni tre bedaŭras, ke kelkaj anoj de la karavano ne povis reale veni al Koreio kaj pli multaj al Japanio. Tamen ne perdu esperon. Certe iam vi havos ŝancon! "Ni laboru kaj esperu!" (1994-10-25)